# Pola Esperantisto
# Esperantysta Polski

| XXXII JARO | NRO 11 | NOVEMBRO 1938 |
| --- | --- | --- |

ELDONANTO — WYDAWCA
POLLANDA ESPERANTO-DELEGITARO
REDAKTANTOJ — REDAKTORZY
PROF. DR ODON BUJWID — MGR TADEUSZ HODAKOWSKI

Aperas la 20-an de ĉiu monato. Redakcian materialon oni petas sendi ĝis la 10-a de ĉiu monato. La redakcio estas rajtigita laŭ bezono ŝanĝi la tekston de manuskriptoj.

## GRAVA NOVAĴO.

Nacia Instituto por Radiofonio en Bruselo decidis elsendi la 14 de decembro 1938 de la 19 ĝis la 19·30 min. la Zamenhofmemorigon. Tiu grava fakto meritas atenton de ĉiuj esperantistoj, ĉar ĝi okazas unuafoje.

Ni ĉiuj estas treege dankemaj al Esperantista Reprezentantaro Brusela (ERB), kiu post grandaj penadoj, daŭrintaj ses monatojn, fine sukcesis ricevi favoran solvon.

Nun dependas de ni ĉiuj, esperantistoj, subteni la daŭrigon de E. disaŭdigo ĉe Brusela Radioinstituto.

Unuan fojon ni aŭdos dum 15 minutoj veran esperantan horon, verajn esperantajn kantojn.

Ĉiuj esperantistoj post la disaŭdigo, eble eĉ antaŭ ĝi, devas esprimi dankon al la Brusela Radio Instituto por tiu grava decido. Ni devas pruvi, ke Esp. movado disvolviĝas kontraŭ ĉiuj obstinaj baroj, starigitaj de nekomprenemaj homoj kaj institucioj.

Kiam la ERB havos la detalojn de la programo, nome la tekston de paroladoj, ĝi povos ilin sendi al ĉiuj personoj interesataj.

Nune ni donas la programon de la disaŭdigo en „Radio".

## AL LITOVAJ SAMIDEANOJ!

Ni sciigas vin kaj speciale la redakcion de „Litova Stelo", ke ni preparis respondon je via „respondo" koncerne la rilatojn inter la nacioj litova kaj pola, sed pro la ĵus efektivigita kontrakto inter registaroj de niaj landoj, rilatanta al la paca kunlaborado de la gazetaro, — ni rezignas lojale la pluan disputon kaj etendas amike la manon al litovaj samideanoj por paca kunlaboro pri la komuna idealo.

*La Redakcio.*

# NI REKOLEKTU NIAJN FORTOJN.

Ni klare konscias, ke nuna kriza tempo malfavoras nian movadon kaj ĝenerale senvolontigas homojn aparteni al iu ajn organizo. Se tiu ĉi estas forta, tiam almenaŭ la homoj havas kompense al ilia kotizo iujn realajn utilojn. Bedaŭrinde niaj esperantaj societoj ne estas tiaj, do ne estas mirinde, ke ili plej parte vegetas pro tio, ke la membroj tre ofte ne pagas kotizojn, kaj estas penege ilin pagigi. Plejparto ĝenerale ne pagas regule, kaj konsiderante nemultmembrecon oni devas agnoski mizeran staton de niaj societaj kasoj. Nia afero sendube bezonas ne nur idealismon, sed ankaŭ monon. Niajn adeptojn oni povas diskategorigi jene: 1) pagopovaj aktivuloj, 1) nepagopovaj aktivuloj, 3) pagopovaj pasivuloj, 4) nepagopovaj pasivuloj. Sendube la unua kategorio — la plej bona — estas plej malmultenombra, ĝi estas la fostaro, portanta la tegmenton de nia esperanta domego, sed ja ankaŭ muroj kaj muretoj devas porti sian parton. Evidente la lasta kategorio — malplej bona — utilas ankaŭ pro tio, ke ĝi formas amason.

Nia esperanta domo en nia lando bezonegas riparon, la brikoj putriĝis kaj muroj disfalis, la tegmento ripozas preskaŭ nur sur fostoj kaj kolonoj, kiuj estas tro malmultenombraj. Ni devas rekolekti niajn pli malputrajn brikojn por rekonstrui la murojn. Sed ili nun kuŝas dise kaj multaj estas netroveblaj. Ilin trovi do estas la unua afero, poste ni devas esplori ĉu ili estas ankoraŭ malputraj. Fine ni devas rekonstrui ĉion, kunligante la brikojn per freŝa mortero antaŭ ol cedos la troŝarĝitaj fostoj. Jen metafora bildo de nia estonta laboro, laboro iom pena, kaj malfacila, al kiu mi vokas senescepte ĉiujn.

La prepara laboro — rekolekto de unuopuloj, ne estas tro malfacila, kvankam ĝi povas daŭri sufiĉe longe. Sed ja konstruadon oni povas komenci ne nepre post finkolekto de tuta materialo.

Por trovi rekolektotojn ĉiu esperanta societo aŭ unuopulo, delegitoj de IEL kaj UEA, abonantoj de PE kaj aliaj gazetoj kolektu nomojn kaj adresojn de izolaj esperantistoj aŭ eĉ simpatiuloj, kaj sendu ilin amase al persono aŭ instanco, kiu sin okupos pri la tuta afero. La esperantaj societoj sendu nomarojn de siaj membroj kaj eksmembroj.

Laŭ ĉiuj kolektitaj adresoj — krom tiuj de societanoj — oni direktos presaĵe demandaron, enhavantan jenajn punktojn: 1) nomo kaj antaŭnomo, 2) adreso, 3) profesio, 4) spertogrado en lingvoscio, 5) ĉu estas membro de iu societo, 6) se ne ĉu emas aparteni al iu esp. societo, 7) kiom tiaokaze povus pagi da kotizo, 8) ĉu konsentus ricevi aperigeblan adresaron kontraŭ ia monsumeto... kaj eventale aliajn demandojn... (pri IEAk, propagandmetodoj ktp.). Komprenebla eventuala eldono de adresaro estas nun nur flanka afero, kaj la demando pri ĝi estas lokita por ĉia okazo. Ĉefa afero estos ekscii ĝeneralan opinion pri organiza demando, pri la kotizo kaj kiom multnombraj ni estas kaj kiel dense dislokitaj tra la lando.

Antaŭvideble oni tuj demandos min, kiu faros tion kaj kiu pagos tion. Plej facile estus respondi — PED. Kaj tiel devus esti. Sed bedaŭrinde PED ne havas monon (mi supozas), ne havas laborantojn. Se nur estu mono troviĝos ankaŭ bonvolaj kromlaboremaj laborantoj. Do temas ĉefe pri kostoj — organizi la aferon estas pli facile. Mi kalkulas ilin jene:

| | | |
|---|---|---|
| 1. Pretigo de demandaroj laŭ nombro de ricevitaj adresoj + 40% | zł | 25 |
| 2. Dissendo kaj afranko proksimume . . . . . . . . . | „ | 125 |
| 3. Ordigo de ricevitaj respondoj kartoteko, kromaj elspezoj . . | „ | 150 |
| Entute do . . . . | zł | 300 |

Por kovri tiujn elspezojn mi proponas kelkajn fontojn. Loka Kongresa Komitato en Varsovio ŝuldas al IEL kaj UEA kongresan licencion. Laŭ mia scio ambaŭ asocioj rezignas partojn de ŝuldataj sumoj. Ŝajnas al mi, ke nur 10% de la tuta rezignita de ili kaj gajnita de LKK monsumo sufiĉus por kovri almenaŭ 75% de supre citita kvoto. La restantajn 25% oni povas kolekti el libervolaj donacoj. Ĉar PED havas certajn influojn je L. K. K. do de ĝi dependas plejparte la tuta afero.

Rolon de freŝa mortero ludos reorganizo de Pollanda Movado. Skize mi prezentas al mi ke anstataŭ multaj diversnomaj societetoj estu nur tri ĉefaj asoĉioj en tuta lando kun filioj en diversaj lokoj: 1) Pola Esperanto Asocio, 2) Pola Societo Esperantista kaj 3) Pollanda Esperanto Klubo. Fakaj grupoj ekzistu kiel sekcioj de la supraj. Sur tiu ĉi bazo oni povas krei novajn ligilojn kaj plifortiĝon.

ing. *M. Chmieliński* Toruń.

---

**ĈU INTERESUS VIN KONSTANTA FILATELISTA ANGULETO EN POLA ESPERANTISTO?**

# POR PURA LINGVA EVOLUO.

III.

Indiferenteco kaj oportunismo estas ofte pli fortikaj obstakloj sur la vojo al ĉiu progreso, ol la plej forta principa kontraŭstaro. En la batalo por la internacilingva ideo ni, esperantistoj, ĉiutage spertas ankoraŭ tiun ĉi fakton kaj ni kredas esti jam longe harditaj kontraŭ tiuj ecoj. Tamen, en niajn vicojn iasence enŝteliĝis tiuj malbonaj ecoj, se ne koncerne la fundamentajn principojn de la lingvo mem, tamen koncerne la korektan aplikadon de la lingvaj reguloj.

En pasintaj jaroj ni tro reklame akcentis la facilecon de Esperanto, en kio nun rezultas la fakto, ke multaj esperantistoj praktikas la lingvon, ne sentante sin ligitaj de ĝiaj reguloj, kiujn ili jen obeas, jen malobeas laŭplaĉe.

Tiu fakto ne bezonus maltrankviligi nin, se ĝi koncernus nur la ĝeneralan praktikan uzadon de la lingvo, ĉar ankaŭ en la naciaj lingvoj oni kutimas peki kontraŭ la gramatikaj reguloj kaj en la ĉiutaga vivo oni ne aŭ preskaŭ ne atentas tion.

Sed pli grava, eĉ danĝera al plua evoluo de la lingvo, estas la fakto, ke eĉ en tiu kampo, kiu ĉiurilate devas prezenti al la ordinaraj esperantistoj modelon pri stilo kaj korekta aplikado de la gramatikaj reguloj, oni ne atentas tiujn regulojn ol en la ordinara vivo. Ni aludas la literaturon.

Certe, ankaŭ en la naciaj lingvoj konstante aperas verkoj kun lingvaĵo fuŝita, sed super ili brilas la verkoj kun literatura valoro, verkoj, kiuj ĉiurilate modelas pri stilo kaj kies aŭtoroj severe obeis la naciajn gramatikajn regulojn.

Kion ni, esperantistoj, povas prezenti kontraŭ tio? Certe, pri multaj eĉ valoraj literaturaj verkoj ni povas fieri. Sed krom tio ekzistas ankoraŭ pri multaj verkoj, kiuj el lingva vidpunkto estas kondamnindaj. Kaj maltrankviligas nin la fakto, ke ĝuste tiu kategorio de libroj konstante kreskas.

Sed eĉ en tio ne konsistas la vera danĝero minacanta nian literaturan lingvon. Pli grave estas, ke pli, kaj pli esprimiĝas, precipe en malsevere verkitaj recenzoj, la tendenco, ke tio, kion ni ĝis nun prave kritikis kaj kondamnis en tiaj verkoj, ne estas erara, sed male, ke tio fariĝas modela lingvaĵo. Oni bone komprenu tiun ĉi strangan kaj danĝeran tendencon: ne nur tiujn lingvajn formojn, kiujn iu aŭtoro intence uzis libere aŭ eksterkutime, oni prav gas, sed eĉ amasojn da nekorektaĵoj, kiuj enŝteliĝis en libroj rezulte de nesufiĉa kompetenteco de iu aŭtoro aŭ tradukanto, oni aprobas, rezonante, ke en ĉiuj ĉi formoj konsistas pliriĉiĝo de nia lingvo.

Eĉ tiom danĝera fariĝis tiu ĉi tendenco, ke esperantistoj, ĝis nun obeintaj la lingvajn regulojn, perdas la kuraĝon por pledi por reguleco kaj logikeco, ĉar ni jam dronas en eraroj kaj nekorektaĵoj.

Por ke oni bone komprenu nin, ni akcentu, ke ni ne timas pro ĉiu ajn neologismo, kiu en la praktiko povas montriĝi utila, nek pro iom libera aŭ nekutima aplikado de iu gramatika regulo, nek pro eble iom riskitaj metaforoj, kiuj, se ili pruviĝas taŭgaj, certe trovos sian vojon en nia literaturo, eĉ ne pro sagace elpensitaj novaj formoj, kiujn iu aŭtoro uzas eksperimente aŭ rigardante iun regulon siaopinie el nova vidpunkto eble pli logika ol ĝis nun. Nepre ne!

Kion oni intence kaj laŭsisteme enkondukas, ne pekante kontraŭ la reguloj kaj la logiko, tion akceptos la praktiko, sed tio estas utila; se ĝi ne forpuŝos tion, sincera kaj urĝa averto decas kontraŭ la fakto, ke oni jam aprobas formojn, ne nur en si mem erarajn, sed ankaŭ faritajn erare, t. e. formojn, kiujn iu aŭtoro aŭ tradukanto certe ne estus farinta, se li estus vere kompetenta kaj havus komprenon pri la logiko. Ni ne faru al ni iluzion, ke ĉiu, kiu verkas aŭ tradukas en Esperanto(n), jam per tio fariĝas literaturisto. Se tia homo farus tian laboron en sia nacia lingvo, la laŭdaj aŭ mallaŭdaj recenzoj pri lia plumprodukto elmontrus, ĉu li estas aŭ fariĝos literaturisto aŭ eble jam fiaskis en la komenco. En Esperanto ni agu ne malpli severe ol en iu nacia lingvo! Se ni agus malpli severe, ni ofendus per tio nian lingvon mem, permesante en ĝi erarojn, kiajn ni en neniu nacia lingvo permesas.

Ni ne lasu nin gvidi de la ideo, ke Esperanto estas ja tiom facila, ke ĉiu povas lerni ĝin en mallonga tempo, ke fari erarojn en ĝi preskaŭ ne estas eble! Ne! Kvankam nia gramatiko konsistas el nur dek ses reguloj facile ellerneblaj, ĝia tuta strukturo baziĝas sur la logiko, kaj se dubo pri iu ajn gramatika regulo prezentiĝas al ni, ni trovas ĝian solvon en la logiko. Oni ne diru, ke la lernolibroj prezentas al ni pli multe da reguloj ol Zamenhof faris! Ne! La reguloj, kiujn taŭga lernolibro donas, estas formoj, aspektoj de la logiko aŭ rezultas el nelogikaĵoj de la naciaj lingvoj, en kiuj ofte estas malfacile logike prezenti iun esperantan regulon. Reale eĉ ne ekzistas amaso da reguloj; ekzistas nur unu regulo reganta la tutan strukturon de la lingvo, kaj tiu regulo estas la logiko. Kaj se iu ajn aŭtoro povas pruvi al ni, ke iu nova formo estas pli lo-

gika ol alia ĝis nun por tiu signifo uzita, li pravas, kaj ni havas la moralan devon akcepti tiun pli logikan aŭ pli ĝuste: sole logikan formon, kaj la antaŭa fariĝis per tio pli valora. Nur tiel la nivelo de la lingvo konstante plialtiĝas. Estas vere, ke nia lingvo prilliĉiĝas per trafaj formoj kaj esprimoj fontantaj el la naciaj lingvoj, per metaforoj k. s., sed ĝia evoluo konsistas, krom el tiu pliriĉiĝo, ankaŭ el konstante plikorektiĝanta logika bazo, kiu estas kvazaŭ la akso, ĉirkaŭ kiu turniĝas la movado, la vivo mem de la lingvo. Fine, la homoj, kiuj plendas pri tio, ke ni postulas de ili nepran obeon al la gramatikaj reguloj kaj al la logiko, argumentante, ke ni per tio rigidigas la stilon kaj tutan aspekton de la lingvo, pripensu, ke ilia senbrida kaj senzorga lingvouzado kaŭzas en si mem novan danĝeron. Gramatikaj reguloj ekzistas, por ke oni obeu ilin. Se oni intence kaj konstante ne obeas ilin, tio preskaŭ pruvas, ke la dek ses reguloj kaj ilia logika bazo ne sufiĉas por la praktika uzado; kaj la konsekvenco tiuokaze estas, ke oni ellaboras novajn regulojn, distilante ilin el formoj ĝis nun konsiderataj kiel eraraj. Kaj efektive oni jam komencis labori en tiu direkto! Kio rezultos el tio? Ke iom post iom Esperanto sorbas plunaciajn lingvoregulojn, kiujn nekompetentaj tradukantoj erare aplikis en Esperanto.

Ni gardu Esperanton kontraŭ tio! La tempo urĝas!

Niaj antaŭaj alvokoj jam bone efikis. El pluraj landoj atingis nin leteroj kun simpatiesprimoj kaj petoj pri pluaj informoj, eĉ tiom multaj, ke ni ne povis ĝis nun respondi al ĉiuj. Pro tio nia nuna alvoko informas ĉiun pri nia celo. Ni aldonu ankoraŭ, ke ni komencis labori ankaŭ praktike: severe esplorante kelke da lastatempe aperintaj verkoj por serĉi kaj korekti iliajn erarojn. Por ke tiu laboro havu plenan kaj la deziratan efikon ni komencis rilati kun la Sekcio de Kontrolo de l' Esperantista Akademio.

Volonte ni akceptos pluajn simpatiesprimojn pri nia agado.

Por „Literatura Komitato"

G. J. Degenkamp

Rietstr. 40, Utrecht, Nederlando.

# MAREK TWAIN

fama amerika humoristo tiel suferigis homojn, ke oni laŭte indignadis kaj iatempe la „netolerebla" verkisto respondadis en juĝejo pro sia troa maliceco.

Unufoje vizitis lin juna ĵurnalisto kaj petis klarigi al li, kial eminentaj trustaj komercistoj malamas lin tutkore

Marek Twain faris mienon plej senkulpan.

„Mi mem volus scii kaŭzon de tiu ĉi malamo — li diris al la ĵurnalisto — ŝajnas al mi ĉiam, ke tiuj bonaj homoj mallaŭdas min pro miaj rakontoj el vivo de bestoj".

La ĵurnalisto miregis

Mi ne komprenas, li deklaris. Do tia kaŭzo ne povas esti sufiĉa. „Tiel oni povus opinii, mia amiko, sed la homa psiko estas ne sondebla. Mi skribas pri bestetoj, kaj trustaj magnatoj indignas. Nu, penu kompreni!".

La verkisto leviĝis kaj kun serioza mieno komencis serĉi en tirkestetoj de sia skribotablo, de kie li eltiris ĵurnalon kaj donis ĝin al la ĵurnalisto. — Rigardu, sinjoro, oni ĉi tie lokigis unu el miaj plej senkulpaj rakontetoj, kiu kaŭzis al mi milojn da malamikoj.

La ĵurnalisto trafrotis okulvitrojn kaj tralegis la rakonteton, kiu poste fariĝis fama. Jen: „Unutage maljuna muŝo ekflugis promenon kun siaj du filinoj. Ili flugis apud sukeraĵejo.

Muŝeto Jonjo petis la patrinon permesi al ŝi leki ion, la patrino permesis kaj la muŝeto komencis leki bonbonon. Subite ŝi falis surdorse kaj mortis.

La bonbono estis venenita, ĉar ĝi estis preparita en amerika sukeraĵ-trusto. Maljuna muŝo kun la filino estis en revena vojo hejmen — ili ploregis ambaŭ.

Dumvoje, turmentita pro malgajo, la muŝeto eksidis sur kolbaso, kiu kuŝis en fenestro de viandisto. Ĝi volis ripozi. Apenaŭ tamen ĝi ektuŝis la viandon, ĝi falis morta. La kolbaso estis venenita, ĉar ĝi devenis el amerika trusto de fumaĵita viando. La malfeliĉa patrino decidis memmortigi sin. Tiucele ŝi eksidis sur paperon por muŝoj, kovritan de violkolora ŝmiraĵo, ĝi manĝegis ĝin avide, volante morti plej rapide. Tamen la kvazaŭa veneno ne nur ne mortigis la muŝon, sed influis bonfare ĝian sanon, ĉar la papero estis tute ne malutila — ĝi estis produkto de amerika trusto, produktanta paperon por muŝoj.

Marek Twain rigardis la ĵurnaliston zorge kaj scivole kaj la ĵurnalisto silentis, penante haltigi atakon de konvulsia rido.

El la pola ĵurnalo

tradukis Anna Weinstein.

# LINGVA ESPLORO.

En la numero 8 — 9 de Pola Esperantisto mi skribis pri la intermiksa uzado de adverbo kaj adjektivo, aprobata de s-ano Bailey.

Mi nun ricevis de s-ano Rollet de l' Isle jenan leteron:

»En la lasta numero de Pola Esp mi legis vian artikolon pri la fama: rajdi sur leono estas danĝere.

Mi opinias, ke por elekti inter la diskutitaj formoj, sufiĉas atenti, ke adverbo kvalifikas verbon kaj adjektivo-substantivon. Sekve, sufiĉas determini, al kiu vorto rilatas la kvalifikilo.

En la studita frazo, la kvalifikita vorto estas rajdi; do la signifo estas: rajdi sur leono estas danĝere (rajdi).

Sed, pro la komuna signifo de la infinitivo kaj de la ag-substantivo — montro de ago sendepende de modo kaj tempo, oni povas konsenti pri: rajdi sur leono estas danĝera...«

Sekvas ekzemploj, el kiuj mi ĉerpas i. a.

Estus utile fari ŝanĝojn, sed oni povas uzi: utila, ĉar fari ŝanĝojn,, estas utila (faro).

Estas komprenebla, ke tio okazis (komprenebla kvalifikas »tio« subkompr.)

Plej bone estos, se vi venos (bone kvalifikas »estos« = esti bone).

Mi demandas, kial la formo »plej bona estos, se vi venos« ne same taŭgas, se laŭ Bailey kaj R. d. I. taŭgas: estas komprenebla, ke tio okazis.

Ja — sekvante la metodon de subkomprenaĵoj — ni povus subkomprenigi: plej bona (stato) estos, se vi venos, aŭ: se vi venos (tio) estos plej bona!

La letero de s-ano Rollet de l'Isle igas min klarigi mian vidpunkton iom pli vaste.

La gvidlinioj, kiujn mi laŭiras, estas: reguleco kaj klareco. Nura klareco, aŭ nura reguleco, ne sufiĉas.

Sur la unua loko devas stari, komprenebIe, reguleco, t. e. stato, en kiu la lingvouzo penas konformi al certaj konvencie interkonsentitaj gramatikaj reguloj. Tiel komprenate, la reguleco ne toleras subkomprenaĵojn, vortojn, kiujn oni devas pense aldoni, ekz. „tio", „faro", „stato" ktp.

Ekzistas regulo pri le helpverbo „esti", kiu ligite kun adverbo, formas t. n. senpersonajn esprimojn: estas bone, estas agrable, estas utile, estas komprenebla. En tia formo ĝi anstataŭas la nacilingvajn: „es" „it", „il" k. s. En mallongigita formo „estas -e" aspektas „-as": kompreneblas, ŝajnas, necesas, sufiĉas, eĉ: agrablas (ekz. agrablis vidi la teatraĵon = estis agrable vidi la teatraĵon (ludata en nova konstruaĵo).

Ni emas, analogie al la esprimoj personaj, diri ankaŭ: ŝajnas utile, fari ŝanĝojn, aŭ: li opiniis nekonvene, aperi en tia kostumo, aŭ: ili trovis bone, iri tien tuj.

Sed jen intervenas nia alia gvidlinio: la klareco. Ĝi konsilas al ni, ne permesi eblan dubon pri la rolo, kiun plenumas en tiaj frazoj la adverboj utile, nekonvene, bone. Se ni legas aŭ aŭdas: iti trovis bone, ni povas kompreni, kvazaŭ ili bone trovis, farus bonan trovon, kvankam oni povas ankaŭ ĉi tie subkompreni: ili trovis, (ke estas) bone iri tien tuj.

Jen kial la principo pri klareco diktis krei la regulon, ke en tiaj frazoj estu uzata la **adjektivo:** ŝajnas utila, fari ŝanĝojn; li opiniis nekonvena, aperi en tia kostumo; ili trovis bona, iri tien tuj.

*dr Leopold Dreher.*

## *AL CELO.*

(Kun sento de l'vera, sincera korĝoj'
kuraĝas mi skribi per stil' de „La Voj")

*Je nom' de l'Espero, Obstino kaj Vero,*
*ni Celon plej sanktan aspiras,*
*kaj venkon rapidan de l' kara Afero,*
*ni arde kaj flame sopiras,*
*kaj kvankam popoloj de l' mondo malpacas,*
*kaj kvankam denove Fikrim' nin minacas,*
*al Cel' sopirata kun kora am-ardo,*
*ni iras... sub Verda Standardo.*

*La homoj nin ridas, ignoras, malŝatas...*
*plejmulto primokas malsaĝe,*

*surprizoj de l' sorto perfide nin batas,*
*ni iras kaj iras kuraĝe,*
*kaj vane penegas Malbon' nin kateni,*
*ne povas ĝi iron al celo deteni,*
*ni iras, ni migras kun kredo senlima,*
*ke venko jam estas proksima.*

*Krepusken forpasas monatoj, la jaroj...*
*ni iras sen ĉes', ne stariĝas...*
*sur vojo la dorna ariĝas la baroj,*
*la digoj malhelpaj ariĝas,*
*sed kredo je venko, esper' kaj fidelo,*
*nin igas obstine peniri al Celo,*
*ni iras, kun kred' je Di-helpo favora,*
*al Venk' difinita kaj glora.*

*Kun kora espero, kun ĝoja spirito,*
*ni barojn trairas, ne plendas...*
*ĉar vojon ne baras lac', dubo, hezito...*
*ĉar venkon de l' Ver' ni atendas.*
*kaj vane stultuloj nin mokas rikanas...*
*senehas malsaĝaj ĉikanoj kaj vanas,*
*ni iras kaj iras kun kred', ke ĝisiros,*
*ke Celon amatan akiros.*

*Eugeniusz Matwiejczuk.*

## LA ARBFOLIO.

*Malĝoja pensero postvenas penseron,*
*la vid' nebuleca misvagas sur kort',*
*krepusko de l' nokto jam venas sur teron,*
*kaj vento malvarma ekblovis de l'nord'.*
*Kaj dum en krepuskoj vid' mia demanda,*
*misvagas lacplena, muteca, sen sci'...*
*subite fenestron alflugis malgranda,*
*de vento ĵetata la arba foli'.*
*Alflugis, frapetis... kaj ree forfuĝas,*
*siblinte sur vitro samkiel serpent',*
*jen saltas, jen falas, jen alten ekflugas,*
*kaj dancas sub fortaj ekblovoj de l' vent'.*
*Kaj kreskas, nigriĝas krepusko vespera,*
*saltdancas folio laŭ ritm' de ventboj',*
*mi pensas... meditas... ke same mistera*
*sort' ĵetas la homon sur lia vivvoj' !*
*Mi pensas, meditas... ke antaŭnelonge*
*sort' batis min pere de l' homo-fiul' ! !*

. . . . . . . . . . . . .

*...eksonis horbato... belsone kaj gonge...*
*...elfluis la eta larmer' el okul'...*

*Eugeniusz Matwiejczuk.*

# XXXIa UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

## BERN, 29a JULIO — 5a AŬGUSTO 1939

### Dua bulteno.

**Reprezentanto en Polujo:** IEL—ĉefdelegito S-ro M. Chmieliński, ul. Krasińskiego 4, TORUŃ.

**Kotizoj:** Ĝis 31. 12. 38: 28·— zł. Ĝis 31. 3. 39: 35·— zł. Post 31. 3. 39: 42·— zł. La edzo aŭ edzino de kongresano, same gejunuloj ne pli ol 20 jaraj pagas la duonon de tiuj sumoj.
Plej oportune vi pagas al la supre menciita adreso de nia pola reprezentanto S-ro Chmieliński. Poŝta konto Nr 203.616.

**Blinduloj** kaj ties gvidantoj ricevas senpagan kongreskarton, sed iliaj aliĝoj devas esti aprobitaj de S-ro W. P. Merrick, Penso Shepperton, Middlesex, Anglujo.

**Aliĝiloj** haveblaj ĉe la landa asocio, la pola reprezentanto kaj ĉe la kongresoficejo.

**Glumarkoj** haveblaj ĉe S-ro Chmieliński. 50 pecoj 85 groŝoj.

**Fakaj kunvenoj.** Organizontoj bonvolu frutempe anonci siajn dezirojn.

**Oficiala kongres-gazeto.** Ĉiu kongresano ricevas senpage la oficialan kongresgazeton „Ni vokas vin". Demandu la unuan numeron ĉe la reprezentanto, pagante la afrankon (15 groŝojn). La dua numero aperos komence de decembro.

**Skolta tendaro 1939.** En la U. K. okazos ankaŭ la skolta tendaro 1939. Informojn petu de la fakdelegitino por skoltismo: F-ino G. Merz, Falkenweg 9, Bern.

**Aliĝoj.** Ĝis 7. 11. 1938 aliĝis 158 personoj el 20 landoj.

La ĝenerala sekretario:
*Otto Walder.*

### Provizora kongresprogramo.

**Sabato 29a de julio.**
Antaŭtagmeze: Malfermo de la kongresoficejo. Akcepto en la stacidomo kaj gvidado al la loĝejoj.
Vespere: Interkonatiĝa vespero en ĝardeno de Kursaal aŭ Kazino.

**Dimanĉo 30a de julio.**
Matene: Surmonta diservo sur Gurten aŭ diservoj en la preĝejoj.
11a horo: Solena malfermo de la kongreso en granda salono de Kazino.
Posttagmeze: Diversaj ekskursoj al la ĉirkaŭaĵo de Bern.
Vespere: Je dispono de la kongresanoj.

**Lundo 31a de julio.**
Antaŭtagmeze: Ia laborkunsido de IEL, Prelegoj.
Posttagmeze: Fakaj kunsidoj. Gvidato en grupoj tra Bern aŭ rondveturado.
Vespere: Teatra vespero en urba teatro aŭ festsalono de Kursaal.

**Mardo 1a de aŭgusto.**
Antaŭtagmeze: 2a laborkunsido de IEL, Prelegoj.
Posttagmeze: Fakaj kunsidoj, paroladoj, Gvidadoj tra la urbo.
Vespere: Partoprenado ĉe la federacia fondfesto, en grupoj.

**Merkredo 2a de aŭgusto.**
Tuttaga ekskurso al la Berna Superlando, al Jungfraujoch kaj aliaj ravaj lokoj.

**Jaŭdo 3a de aŭgusto.**
Antaŭtagmeze: 3a laborkunsido de IEL, Prelegoj.
Posttagmeze: Aŭtobusaj ekskursoj super pasejo aŭ al lago.
Vespere: Internacia kostumbalo en ĉiuj salonoj de Kursaal.

**Vendredo de 4a aŭgusto.**
Antaŭtagmeze: Fakaj kunsidoj, Prelegoj.
Posttagmeze: Diversaj ekskursoj al historiaj lokoj: Murten, Laupen.
Vespere: Subĉiela Festa prezentado.

**Sabato 5a de aŭgusto.**
10.00: Fermo de la kongreso en granda salono de Kazino.
Posttagmeze: Gvidado tra la muzeoj, ekskursoj.

**Dimanĉo 6a de aŭgusto.**
Vizito de la svisa nacia ekspozicio en Zürich.
Libervolaj promenadoj en Bern.

**Postkongresaj aranĝoj.**
5a—12a de aŭgusto:
1. Tutsemajna ekskurso tra la plej belaj regionoj, trans pasejoj kaj al montlagoj.
2. Libertempejo ĉe lago de Thun.
3. Libertempejo sur paŝtejo.

### Prezoj por loĝado kaj manĝado.

Por faciligi al la kongresamoj la restadon en nia urbo, precipe rimarkante, ke la kongreso okazos en la ĉefa negoc-tempo, ni aranĝis le jenajn kolektivajn aranĝojn. Ĉiuj komencas sabate la 29an de julio kun la vespermanĝo kaj finas sabate la 5-an de aŭgusto kun la tagmanĝo.

**Arango A**

ĝi enhavas la **plenan pensionon**, kun la ebleco preni unu de la ĉefmanĝoj ĉiutage en hotelo aŭ restoracio en la urbo laŭ elekto. Ĝi konsistas do jene: ĉambro, matenmanĝo, tagmanĝo kaj vespermanĝo.

**Arango B**

komprenas **plenan pensionon** en la hotelo, do: ĉambro, matenmanĝo, tagmanĝo kaj vespermanĝo.

**Arango C**

komprenas **duonan pensionon**, do: ĉambron, matenmanĝon kaj unu ĉefmanĝon en la hotelo.

Ĉiuj prezoj enhavas ankaŭ trinkmonon kaj pakaĵ-transporton al kaj de la hotelo, **sed ne la ekskursojn.**

Prezoj: (en złoty)

| | Arango A | Arango B | Arango C |
|---|---|---|---|
| Kategorio I | 180·— | 185·— | 150·— |
| Kategorio II | 156·— | 156·— | 126·— |
| Kategorio III | 139·50 | 134·50 | 114·— |
| Kategorio IV | 129·50 | 120·— | 100·— |

**Tuttaga ekskurso merkrede de la 2-a de aŭg.**

**Veturado al Jungfraŭjoch.**

Per fervojo al Thun-Interlaken-Lauterbrunnen kaj per la Wengern-Alp-fervojo al Wengen kaj Kleine Scheidegg. Per la Jungfraŭfervojo (3.457 m), la plej alta fervojo de Eŭropo al Jungfraŭjoch meze de la glaciaj gigantoj de la berna superlando.

Prezo: 73·— zł

La tagmanĝo sur Jungfraŭjoch kostas 6·50 zł.

**Komitato por loĝado kaj manĝado.**

# KOMUNIKO DE P. E. D.

Ni tre insiste petas ĉiujn grupojn nepre respondi je niaj postuloj en n-ro 10 de „Pola Esperantisto" kaj ankoraŭfoje alvokas ĉiujn al kunlaboro.

Okaze de la kvinjara jubileo, ni kore gratulas al la Varsovia Esper. Societo.

## „KVINMIL — FONDO".

Pluaj pagoj por la „Kvinmil — Fondo":

| | |
|---|---|
| Julia Neuberg, Kraków . . . . | zł 3·— |
| Józef Nowicki, Kraków . . . . | zł 2·— |
| Henryk Walczak, Łódź . . . . | zł 2·— |

## *EL AŬTUNA NOTLIBRO.*

*En lasta flam' forbrulas nasturci'.*
*Ĉu vidas ci?*

*Legendas vent' al sorp' kaj akaci'.*
*Ĉu aŭdas ci?*

*Anstataŭ kor' en brusto nur glaci'.*
*Ĉu sentas ci?*

*Ludmila Jevsejeva.*

## *EKSKURSO.*

*Atendas mi sen pacienc'*
*La horon, kiam laŭ intenc',*
*Mi iras for de l'urba bru',*
*Kun grupo, dum matena fru'.*

*Ni marŝas gaje tra kampar',*
*(Ne gravas mank' de trotuar'),*
*— Ĝis diras halton la gvidant',*
*Kaj ĉiu iĝas nun sidant'.*

*La pulmoj plenas je aer'*
*Plej freŝa, dum patrino Ter'*
*Kusenon donas al la kap',*
*Kaj herbo estas la kanap'.*

*La birdoj ĥore distras nin,*
*L' odor' konkursas kun la vin';*
*Kaj ni konstatas, ke kultur'*
*De urbo estas nur tortur'.*

Bucuresti. *A. BEROHN.*

# BIBLIOGRAFIO.

### AVERTO.

Rasaj kruelaĵoj, kiujn travivas nun centra Eŭropo superas ĉion ĝis nun priskribitan dum la Mezepoko. Tuta homa kulturo estas minacata.

### EL LA ESP. GAZETARO.

**Heroldo de Esperanto.** Novembro nro 42 Itala Radio: Ente Italiano Audizioni Radiofoniche iniciatis regulan eldonon de monataj informoj tute esperantlingve redaktitaj de la Radiostacio de Prato Smeraldo en Romo. Ĉiutagaj dissendoj en diversaj lingvoj, ankaŭ en Esp. La Esp. dissendoj okazas ĉiulunde proksimume je la 21·50—22·05 kaj sabate de 19·01—19·18.

La programo estas ricevebla senpage. Leterojn adresu: Radiostacio Esperanta Voĉo, Via Montello 5, Roma. EIAR volonte ricevas konsilojn de la aŭskultantoj.

La fama Itala patrioto Giuseppe Garibaldi, kiu militis por la sendependeco ne nur de Italujo, sed ankaŭ por aliaj landoj, estis vera geniulo. Li opiniis, ke por interkompreno ne povas esti uzata iu ajn nacia lingvo, sed estas necesa iu alia, bazita sur la ĉie uzataj lingvaj radikoj. Li do antaŭvidis Esperanton.

En aŭgusto 1939 okazos ĝenerala kunveno de Tutmonda Jun. Org. en la cirkaŭaĵo de Brusselo.

**Litova Stelo.** Org. de Lit. Esp. As. Oktobro. Kaunas Inter aliaj interesaj artikoloj kaj poeziaĵoj de Jevsejeva kaj B. Giedra estas ankaŭ respondo al Red. de Pola Esp. pri kiu ni parolas aparte. Menciinda estas la kritiko de la eldonejo de l' Epoko. Kritikata estas ne nur la lingvo ofte nekorekta, sed ankaŭ la enhavo.

Por Esp. Kongreso de Litovaj Esperantistoj en 1939 estas organizita LKK.

La nova estraro de KES intencas plifortigi la esp. movadon en Kaunas.

Nuna estraro estas jena: Pr. Enskaitis Prez., K. Valaŝinas sekr., J. Januŝauskas kas. Litovaj esperantistoj estas tre aktivaj en literaturo. Antaŭ nelonge J. Kazlauskas-Andronis verkis kvaraktan dramon „En la pordego de eterneco", s-ano Vyt. Maknickas verkis monografion pri la fama litova pentristo Antanas Zemaitis - Zmuidzinavicius. S-ano Enskaitis verkis novelojn. — La pulsanta koro kaj s-no A. Poŝka jam finpretigis du volumojn de la vojaĝimpresoj: „Kun la gruoj al la Sudo" kaj „Ĉe la pranepoj de Faraonoj". Entute estas ok volumoj de liaj vojaĝimpresoj. S-ano Dr J. Dagys ricevis la stipendion de Rockfeller kaj forvojaĝis al Utrecht.

**Hungara Heroldo.** Hungara Esp. Kongreso okazis en la bela sudhungara urbo Pecs, 5—6 de junio, post la Pentekosta Eŭkaristia Mondkongreso.

**La Revuo Orienta.** Oktobro. Historia skizo de Tanka-poemo de la japana nacio, Koyama-Keiti.

Iomete malfacile estas resumi la artikolon, skribitan speciale por la homoj, kiuj interesiĝas pri historio de la antikvaj literaturaĵoj. Ni provos aliloke fari tion.

Tre interesa estas priskribo de t. n. internaciaj domoj en New York, Chicago kaj Kalifornia Inicianto estas s-ro Harry Edmonds el New York. Li organizis klubon de Internaciaj Studentoj kaj ekinteresigis s-ron Rockfeller, kiu donacis lo ĝejon por la klubo. La sukceso de la unua entrepreno kuraĝigis por konstrui ankoraŭ du similajn domojn el la Rockfeller fonduso. Ĉiu domo povas akomodiĝi al 500 personoj universitataj studentoj, kiuj reprezentas pli ol 50 naciojn. Sub la sama tegmento loĝas anoj el plej diversaj landoj, sen iu ajn antaŭjuĝo pri religio, raso, nacieco.

Bela ekzemplo por la nuna Europo.

(daŭrigota) *O. B.*

# SKOLTA ANGULO.

### INTERNACIA SKOLTTENDARO DUM XXX-a.

Dum la londona Kongreso Skolta Esperantista Ligo aranĝis samtempe internacian skolttendaron, kiun partoprenis 9 skoltoj el 6 landoj. Programo de la tendara vivo estis paraleligita kun tiu de la Kongreso, kaj ĉiuj partoprenintoj povis ĉeesti ĉiujn iom gravajn kongresajn okazaĵojn. Krome la skoltoj vizitis ĉefsidejon de la Skolta kaj Skoltina Asocioj, kie ĉiuj prezentis siajn skoltpasportojn. La direktoro de la Internacia Skoltoficejo, Sro Hubert Martin, ricevinte post la tendaro raporton pri ĝi, tre simpatie traktis la tutan aferon kaj esprimis sian dankemon al ĉiuj arangintoj de la tendaro. Tendaranoj vizitis ankaŭ Gillwell Park — fame konatan en la tuta mondo instrucentron por skoltestroj.

Krom tendaranoj estis dum la Kongreso en Londono kelkaj aliaj esperantistaj skoltoj anglaj kaj unu litova, krome tri skoltinoj el Polujo kaj kelkaj el Anglujo. Veran aplaŭ-

don kaj dankemon de la partoprenintoj de la tendaro kaj SEL—konferenco en Londono meritas ĉiuj aranĝintoj kaj organizintoj de tiun ĉi vere sukcesinta entrepreno. En unua vico estas senlaca tendarestro frato Mourphy Douglas, redaktoro de Skolta Bulteno, frato John Newby, sekretario de la tendaro, kaj fine SEL-kasisto kaj konferencestro frato Douglas Davis.

Skoltinajn aferojn prizorgis ankaŭ sinoferema kaj zorgema fratino Groen Mary, estrino de skoltina fako ĉe SEL.

Ni komprenas unu la alian, kaj ni amas nin. Ni vivas vere kune, ĉar kune vivi ne signifas: manĝi el sama kaldrono kaj dormi sub la sama tegmemto, sed vivi kune signifas: kompreni sin reciproke interŝanĝi pensojn kaj idearojn tiel, kiel aliaj interŝanĝas kolorajn rubandetojn kaj metalajn insignojn, ne povante kompreneble ekparoli al alinaciano.

Multege — kaj longlonge mi devus skribi ankaŭ, se mi volus nur kelkajn vortojn diri pri koremeco kaj gastemeco de la ma-



Partoprenintoj de la Skolta Konferenco en Londono: sidas de maldekstra flanko: Wilford (Angl.), Sołtysik, Gryglas (Pol.), Alseikaiti (Lit.), Chwiałkowska (Pol.), Groen (Angl.), Merz (Svisujo); staras: Newby, King (Angl.), Moll (Nederl.), Toczyski (Pol.), Strićkoviĉ (Hung.), Alseiko (Litov.), Mourphy (Angl.); tute supre: Jarwood kaj Devis (Angl.); surteren: Maŭkŝinsky (Ĉeĥosl.), Jeangirard (Franc.).

Ĉu estis agrable? Ne, tute ne! Estis e g e agrable, e g e ĉarme kaj e g e simpatie. Kaj ni sentis ĉiuj bone, ke ni estas anoj de la sama, unu grandega skolta bando... Ni ekkomprenis, ke aranĝante nian malgrandan, internacian „ĵamboreon" ni efektivigas en plej perfekta formo la grandiozan Baden-Paŭlan ideon. Ni formas ja fratan, diversnacian skoltan rondon, — ne unu „apud" alia, sed unu „kun" alia.

stroj — Angloj. Tio, ke skolta dormejo estis senpaga, ke pri la biletpagado en subteraj fervojoj kaj aŭtobusoj ni devis kun niaj „ciceronoj" vere batali, ke ili tutan sian tempon oferis por servado al ni, ke ili estis niaj kondukantoj kaj tradukantoj je ĉiu nia peto, kaj eĉ sen peto, ke ili antaŭsentis ĉiujn niajn dezirojn — kaj ĉion antaŭvidis — tio ĉi ĉio estas ankoraŭ nenio, sed, ke ni envagoniĝis ŝarĝitaj per plej bonaj anglaj

ĉokoladoj kaj fruktoj, kies nomojn ni eĉ ne konis, kaj kompreneble ne provis elparoli pro malfacila angla prononcado... tio ĉi jam superis eĉ la limojn de la angla gastemeco. Kaj ĉar ĉi ĉio estis kronita per vere sincera kaj kora sento, ke ni vidis ĉi tiun volontecon al pliagrabligo al ni de la estado en Anglujo — kaj al plej preciza kaj bona montrado de ilia Patrujo, ni adiaŭis ilin longe kaj kun vera bedaŭro. La buŝoj ne multe parolis, sed forta kaj varma manpremo, kiun ni interŝanĝis, multe parolis. Kaj poste — adiaŭ kaj „ĝis la" kaj „revenu baldaŭ" — kaj fine ĝojiganta signalo: „... ĝis... en Berno! Post jaro!"

**„Skaut" pri Londona SEL-konferenco** en nro 1 de 15. X. 1938 aperigis tutpaĝan artikolon kun granda foto prezentanta partoprenantojn de la konferenco.

---

## SKOLTA BULTENO.

### Hungara SEL gratulas al Pola Skoltaro.

La 7-an de oktobro S-ro Toczyski, nacia agento de Skolta Esperantista Ligo por Polujo, ricevis jenan leteron de hungara SEL-agento, frato Balkanyi, el Budapest:

Kara Skoltfrato! Ni uzas la okazon de nia kunsido por kore saluti vin, kaj per vi esperantan skoltaron de Polujo okaze de la granda ĝojo de via nacio, pro reakiro de polaj teritorioj. Ni sendas salutojn, bondezirojn kaj gratulojn al vi ĉiuj!

Vi komprenas bone, ke ni, hungaroj, kiuj priplendas la forigon de tri milionoj da hungaroj kun iam hungaraj teritorioj al aliaj ŝtatoj, povas kompremi vian ĝojon kaj senti kun vi.

Ni esperas, ke ankaŭ vi sentas kun ni kaj, se ni sukcesos reakiri teritoriojn hungarajn kaj reunuiĝi kun hungaraj fratoj, vi ankaŭ kun ni ĝojos. Via gazetaro kaj certe via skoltaro ofte montris la kunsenton. Bonege laboras hungara pola-skolta rondo. Ankaŭ la esperantaj skoltoj devus aliĝi al tiu rondo en ambaŭ landoj kaj kune labori kun aliaj per helpo de Esperanto".

La supre cititan leteron, tradukitan polen enpresis la plej granda pola ĉiutaga ĵurnalo Ilustrowany Kuryer Codzienny de 14 X. 1938, nro 284.

Responde skribis Sro Toczyski:

Kara Skoltfrato! Profunde kortuŝita pro la alta kompreno kaj nobla kunsento de vi kaj via amikaro en tagoj grandĝojaj por la tuta Polujo, mi elkore dankas al vi persone, kaj ankaŭ en nomo de ĉiuj polaj skoltoj esperantistoj. La reakiro de la polaj postolzaj teritorioj en Cieŝina Silezio vekis en tuta nia lando grandan entuziasmon kaj sinceran ĝojon. Kiam de jaro 1918 ni jam ĝuis sendependecon kaj liberecon en la propra ŝtato, niaj karaj fratoj en Cjeŝina Silezio suferis grandan subpremon de fremdaj okupantoj. Kiam do hodiaŭ ni povas saluti ilin en limoj de nia komuna Patrujo, vera ĝojo regas en niaj koroj kaj tuta nacio solenas grandan feston.

Viajn salutojn kaj viajn bondezirojn tiu-ĉi-okaze ni akceptas kun vera dankemo kaj kortuŝo. Ne dubu, ke ni ankaŭ bonege komprenas viajn suferojn, kaj, se bona Dio en plenumado de eterna Justeco permesos al vi ankaŭ reakiri viajn perdojn, viajn ĝojon kaj solenon ĉeestos tuta nia nacio, kaj unua vice la pola Skoltaro!

*Estu preta!*

# RADIO.

**Per radio Esperanto eniras sur kampon vere praktikan! Subtenu la E. dissendojn! Skribu al la Stacioj!**

## PROGRAMO DUM NOVEMBRO

**La horoj estas indikitaj laŭ mezeŭropa tempo.**

### REGULAJ ĈIUSEMAJNAJ DISSENDOJ.

**Dimanĉe:**

10·10—10·25 Kortrijk (204 m) Kroniko de G. Debrouwere.

19.00—19·30 Reykiavik (1442 m) Esperanto-kurso de TH. Thordarsen.

22·30—22·45 PRC 7. Mineira (96 kil.) „Momento de Esperanto".

**Lunde:**

18·45—19·00 Montpellier - Languedoc (224 m) Kroniko de A. Capoulade.

20·00—21·00 JV 2 RL Caracas (51,72 m) Parolado.

22·00—22·25 2RO (31,13 m) Radio-ĵurnalo.

23·45—0·30 Paris PTT (431 m) Esperanto-teatraĵo.

**Marde:**

18·00—18·10 M. Ostrava (269,5 m), Parolado.

21 20—21·35 Kaunas (1936 m) Klaipeda Memel 531 m) Lyiae (35 m) „Nia anguleto“.
22·00—22·10 Turi (410 m), Tartu (579 m), Tallinn (229 m) E. kroniko.
23·35—23·40 PRF3 (31·58 m), PRF2 (780 m), Rio de Janeiro, Oficialaj informoj kaj kantoj dum la „Horo de Brazilo“.
22·25—22·40 PRF3 Sao Paulo (960 m), informoj kaj kurso.

**Merkrede:**

2·45--3·45 XECR (50·17 m) Mexico — Esperanto-kroniko.
15·00—15·20 Paris PTT (431 m) — E. kurso de C. Roseau.
21·00—21·20 LTI Radio del Litoral. Rosario: Kroniko.

**Vendrede:**

2·45—3·45 XECR Mexico (50·17 m) — Kroniko.

**Sabate:**

10·30—11·— 7 HO HOBART — E. kroniko.
16·15—16·30 Loksbergen-Limburg (202 m), Esperanto-kvaronhoro.
19·00 — 19·20 Roma (420 m), 2RO (25·4 m) — Turisma kroniko.
22·25—22 40 PRFA Sao-Paulo (960 m), Informoj, kantoj kaj kurso.
0·30—1·00 Baraelona (377 m), Pri Hispanujo.

---

## ALIAJ DISSENDOJ.

20. 23·40—0·10 Hilversum I., 1875 m, Hilversum II., 301 m, K. R. O. P. M. Brouwer: La juda problemo.
23. 21·13—21·20 Lyon PTT 463 m, Esperanto-kroniko.
26. 17 10—17·30 Jaarsveld 415 m, V. A. R. A. Esperanto-horeto
18·10—18 25 Hilversum I, 1875 m, Hilversum II, 301 m, K. R. O. Informoj de P. Heilker.
27. 16·00—16·20 Wallonia 201 m, Kroniko de A. Tassin.

### Esperantaj teatraj dissendoj el Paris PTT dum novembro.

Ĉiam je 23·45—0·30.

7, **„La Avarulo“.** Kvinakta komedio de Molière. Trad. du Sam Meyer (Fragm.)
14. **„Libertempo“.** Radia ludado de Clergeon kun malnovaj kantoj kaj poemoj.
21. **„Lazaro“.** Dramo de Emile Zola, traduko de Richard Levin.
**„Fonto de Sudroj“.** Dramo de Ujaku Akita. Traduko de Haĵime Suzui.
28. **„La malfeliĉoj de Briko“.** Unuakta komedio de Couteline, traduko de G. Warringhien. **„Malkaŝado“** skeĉo de Tristan Bernard. Trad. de Rollet de l'Isle.

---

### Detaloj pri la „Zamenhofmemorigo“.

La 14 de decembro je 20—20·30. Ondlongeco: 321·9 m. Stacio: „N. I. R. — Vlaamsch“ (france: „N. I. R.—flamand“). Adreso de la stacio: Eug. Flageyplaats, Brussel (france: Place Eug. Flagey, Bruxelles). Telegramadreso: „Brussel Nir“.

La stacio havas Esperantan oficiston kaj certe komprenas la nederlandan, francan, anglan kaj germanan lingvojn.

Adreso de la kunlaborantoj: „Esperantista Reprezentantaro Brusela“ Lenvensche Steenweg 649, Brussel 3 (franca: Chaussée de Louvain 649, Bruselles 3).

Programo plej verŝajne jena:

5-min. flandra parolado pri Zamenhof kaj Esperanto.
3-min. alterna Esperanta kaj flandra deklamado de la sama poemo.
2-min. Esperanta deklamado: enversigita ekstrakto de la unua kongresa parolado de Zamenhof (1905).
2-min. Esperanta deklamado: enversigita „lasta konfeso“ de Zamenhof (kiel „mortadsceno“).
15-min. Esperanta ĥorkantado (La Espero, La Tagiĝo, La Vojo — Deshays, Preĝo sub la Verda Standardo — de Isaya).

Dum la restaĵo de la tempo: anoncado kaj resumado en flandra lingvo. Kantos: „Brusela Esperanto-Kantĥoro“. Deklamos (verŝ.) s-oj H. Vermuyten kaj A. Isaya.

---

„Ente Nazionale Industrie Turistiche“ (E. N. I. T.) estigas la kvinan konkurson por la aŭskultantoj de la „Italaj Turismaj Kronikoj“ en fremda lingvo. Ĝi komenciĝos la 2-an de januaro 1939. Detala regularo en venonta n-o de „Pola Esperantisto“.

Ni ricevis jenan alvokon:

**Al**
**Esperantaj Societoj, Esperantistoj en Polujo**

Tre Estimata(j) Samideanoj(j):

Estas konata fakto, ke radio plej bone povas servi por disvastiĝo de Esperanto.

Dum la lasta tempo kun ĝojo oni povas konstati, ke multaj radiostacioj en la tuta mondo praktike uzas Esperanton dum la plej diversaj disaŭdigoj. Bedaŭrinde, nur la „Pola Radio" malatentas la gravan signifon de Esperanto kaj eĉ ĉesigis disaŭdigi prelegojn en Esperanto pri Polujo, kiuj rikoltis grandan sukceson eksterlande.

Varsovia Esperantista Societo intencas prezenti al Direkcio de „Pola Radio" konforman petskribon vaste dokumentitan pri apliko de Esperanto en radio, petante disaŭdigi en kaj pri Esperanto. Sed estas necesa forta subteno flanke de radioabonantoj kaj radioaŭskultantoj. Tial Varsovia Esperantista Societo presigis specialajn foliojn por kolektigi la subskribojn.

Energie kaj zorge kolektu la subskribojn kaj la foliojn resendu al Varsovia Esperantista Societo, Warszawa, Leszno 56/9.

Memoru, ke nur de via bonvola subteno dependas la sukceso de nia agado!

Kun samideanaj salutoj!

*Estraro de Varsovia Esperantista Societo.*

La foliojn Vi povas senpage ricevi ankaŭ ĉe Pollanda Esper. Delegitaro (P. E. D.), Kraków, Lubicz 34.

---

## ALVOKO.

Tre estimataj radioparolantoj,

Komenciĝis nova Radio-sezono. Pro tio ni hodiaŭ turnas nin al vi kun la peto, ke vi kiel eble plej frue kaj almenaŭ antaŭ la 17-a de la antaŭa monato, sendu al ni la programojn de viaj Esperanto-dissendoj kaj ĉiujn aliajn informojn pri Esperanto kaj Radio. Kompence vi ricevos la Internacian Radio-Bultenon de la Internacia Radio-Servo.

Anticipe kore dankas

INTERNACIA RADIO-SERVO

Komisiita de I. E. L.

Helsingborg 3. Svedlando.

# NOVAĴOJ EL ESPERANTUJO.

## TUTMONDA JUNULAR-ORGANIZO.

La redaktorino de „La Juna Vivo", la monata gazeto por la junularo, iniciatis pasintan jaron kunvenon por infanoj esperantistoj kun bona sukceso. En aŭgusto de tiu ĉi jaro ŝi aranĝis similan kunvenon en Grot, Nederlando, en kiu partoprenis 200 infanoj el naŭ landoj. La kunveno sukcesis en tia grado, ke la konata esperanto-pioniro Julius Glück nomis ĝin la tria grava okazo en la movado esperantista. La unua estis la apero de la lingvo, la dua, ke la homoj komprenis unu la alian en la unua Kongreso en Bulonjo apud Maro, kaj la tria estas, ke la infanoj en Groet, kunvenintaj sufiĉe grandnombre, kaj el naŭ diversaj landoj, ankaŭ bone komprenis unu la alian. Kaj ili ne nur povis komprenigi sin, sed ili ankaŭ libere parolis kaj ŝercis.

Ili havis tiom agrablan semajnon, ke oni decidis fondi Tutmondan Junular-Organizon, kies ĉefa tasko estas aranĝi ĉiujare Internacian Junularkunvenon kaj akceli la enkondukon de esperanto en la lernejoj.

Sro H. Schut, instruisto en Koedyk, Nord-Holando, faris filmon pri la kunveno, kiu estas valora propagandilo. Krom la belaj ĉirkaŭaĵoj de Groet oni vidas sur la filmo la infanaron dum ekskursoj, dancoj, teatraĵetoj, ktp. La prezentado daŭras 40 minutojn. Kopiojn de la filmo Sro Schut jam forsendis al kelkaj landoj.

La nova organizo nomiĝas Tutmonda Junular-Organizo, ĝia organo estas „La Juna Vivo", sekretario estas la desegnisto Floor Meydam, Lingestraat 11, Leerdam, Nederlando.

En aŭgusto de la jaro 1939 la Ĝenerala Kunveno de T. J. O. okazos en la ĉirkaŭaĵo de Brussel. Ĝi daŭros unu semajnon. Okazos dancoj, teatraĵetoj, ekskursoj, k. t. p. La partoprenontoj pagos entute sep guldenojn aŭ egalvaloron. *P. Kryt.*

---

## ESPERANTO EN LA KONGRESOJ.

Tuj, kiam homoj kuniĝas por pritrakti sciencajn aferojn, la lingvaj malfacilaĵoj prezentiĝas — ĉar malestas naciaj sciencoj — kaj aperas la nepra demando, kiun lingvon uzi; tiam la kreitaj interesoj klopodas trudi la sian, por konservi la superecon, kiun tio ĉi alportas.

Jus okazis en Mejiko la unua Kongreso pri Plasmogenio kaj Ĝenerala Kulturo; ties organizinto, la meksika scienculo profesoro Alfonso L. Herrera (Erera), progresema, libera homo, invitis en- kaj eksterlandanojn partopreni, kaj etendis tian inviton al la branĉo de la socia vivo, sur kiu ni laboradas: Esperanto kaj Neografio.

Se la esperantismo ne prezentus tiom da avantaĝoj, ĝi oferus almenaŭ unu: havigi al la vojaĝanta adepto amikojn ie ajn, kien li

alvenas: la verda steleto sur la brusto estas la plej bona pasporto, ĉar ĝi detruas la lingvobarojn en la tuta mondo. Dum la Kongreso pri Plasmogenio estis okazo pruvi tion, ĉar du esperantistoj alvenis: la usona profesoro Mc Quown kaj la estona samideano Tobi; ambaŭ ĉeestis la Kongreson, kaj liveris paroladojn, kiujn ni tradukis, impresante favore la ĉeestantaron, kie abundis la studentoj; tia okazaĵo helpis por la senopozicia akcepto de niaj proponoj, precipe: alprenon de Esperanto por la internaciaj rilatoj de la Societo pri Plasmogenio, kaj nomigon de majstro Alberto M. Brambila, fondinto kaj subtenanto de la neografia kampanio, kiel ano *honoris causa* de la Kongreso.

Tiu ĉi estas la unua fojo, kiam en Méjiko oni prezentas Esperanton en Internacia Kongreso, kaj la elmontro konvinkis eĉ la skeptikulojn. La semo estis bona, kaj la frukto ege utilos por la venontaj paŝoj. Nune, niaj esperoj pri la disvastiĝo de Esperanto en Méjiko kaj Hispameriko havas pli bonan, pli firman bazon. En la estonto jam ne estos tiom malfacile atingi, ke similaj kuniĝoj ĝin utiligu.

La klopodoj firmaj kaj konstantaj de la esperantistaro fine sukcesos, kaj ĉiu internacia kuniĝo, ĉiu scienca aŭ socia kongreso, uzos nur nian lingvon.

El „Renovigo", eld. de
Editorial Lumen de Meksiko.

---

En nro 32 de „Glos Podhala", semajna revuo aperanta en Nowy Sącz, nia samideano J. Migacz enpresigis tradukon de la artikolo s. t. „Miaj impresoj", verkita de s-o Jan Daszkiewicz.

# POLLANDA KRONIKO.

**KRAKÓW.** En la salonego de Industria Muzeo okazis la 8/XI k. j. „ĉina vespero". La salonegon plenigis multnombra publiko, kiu kun granda intereso aŭskultis la prelegon de profesoro de Jagiellona Universitato, pastro dro Krzesiński, konata esploristo de kulturo ĉe diversaj nacioj. En tiu prelego li priparolis tiel aktualan hodiaŭ problemon de malproksima Oriento, ĉefajn ecojn de Ĉinujo kaj morojn de ĉinaj civitanoj, kiujn li bone ekkonis dum sia vojaĝo ĉirkaŭ la mondo.

En la muzika parto sinjorino Ilnicka, bone konata el radio koncertoj artistino, kantis kelkajn kantoj je ĉinaj motivoj per sia belsona voĉo ĉe perfekta akompano de prof. sinjorino Sacewicz, kiu kun vera artismo kaj kompreno de ĉina muziko, ludis kelkajn karakterizajn muzikaĵojn.

Drama artisto, sinjoro Zdzisław Mrożewski, dank' al kelkaj recitaĵoj tradukitaj el ĉina pozio en esperantan kaj polan lingvojn elsorĉis la aŭrordon de ekzotikismo kaj konvinkis pri beleco de ĉina poezio. Speciale la lasta poemo s. t. „Himno pri libereco" elvokis grandan entuziasmon. Finis tiun simpatian vesperon mongolaj melodioj, kantitaj majstre kaj kun granda temperamento per varma, melodia voĉo de operkantistino f-ino Pastówna.

**WARSZAWA.** Varsovia Esp. Societo laboras konstante kaj efike. Post la somera interrompo estis faritaj jenaj prelegoj: 13/IX A. Hartman raportis pri la XXX Universala Esperanto Kongreso. 20/IX Adolf Kerner rakontis pri sia ekskurso „2.500 km tra Polujo". 11/XI okazis informa kunveno de societanoj, dum kiu prez. I. Dratwer priparolis la nunan situacion de nia movado kaj s-no A. Kerner skizis la efektivigotan laborplanon.

8/XI okazis solena festvespero okaze de la kvinjara jubileo de Varsovia Esperantista Societo. La bele ornamitan salonon per esperantaj standardoj plenplenigis la anoj kaj la invititaj gastoj (ĉ. 150 pers). Post la esperanta himno kaj la prologo de Baghy malfermis la festvesperon prez. Isaj Dratwer. Sekve salutis la ĉeestantojn kaj bondeziris dr-ino Zofia Zamenhof, J. Ŝapiro, ĉefdel. de UEA kaj J. Fethke. En la nomo de la estraro parolis Paulo Mitnik kaj Adolf Kerner, atentigante pri grandaj meritoj de s-ino I. Dratwer rilate la subtenon de sola, aktiva esp. posteno en la lulilo de Esperanto. En la amuza parto partoprenis f-ino H. Dickstein (piano) kaj membroj de la drama sekcio: B. Słuszna, D. Kagan, E. Lewkowicz, J. Reuter kaj aliaj. La programo konsistis el multaj recitaĵoj kaj kelkaj mallongaj scenaĵoj. La tuto vekis grandan entuziasmon de ĉeestantoj.

En la Societo funkcias konstante biblioteko kaj gazetlegejo. Adreso de V. E. S.: Leszno 56/9, tel. 12-06-85.

---

**ĈU VI JAM PAGIS LA ABONON POR POLA ESPERANTISTO?**

# RESPONDOJ DE LA REDAKCIO.

Al S-ano F. W. Buenting, Louvain, Brusselles 3.

Sendube la aktiveco de E. R. B. estas ne nur laŭdinda, sed imitinda por ĉiuj Esp. korporacioj. Ankaŭ „Pola Esperantisto" kaj P. E. D. faras ĉion eblan por instigi la Direkcion de Pola Radio al disaŭdigo en Esp. lingvo. Bedaŭrinde niaj penadoj restas sen sukceso. Tiom pli multe ni penos subteni vian agadon sur la kampo de Brusela tereno

**Ĝustigo.**

Je peto de interesito, ni sciigas, ke en la artikolo s. t. „Dum la trideka kongreso", aperinta en nro 8—9 enŝteliĝis eraro. En nomo de polaj esperantistoj salutis la kongreson s-ano J. Toczyski, kaj ne s-ro Majewski, kiel estis erare presite.

Al kelkaj. Absolute ni ne estas interesataj kaj tute ne emas presigi tradukojn el fremdaj lingvoj esperanten, faritajn de poloj, respektive de polaj civitanoj. Nia pola literaturo estas sufiĉe abunda por havigi materialon por presindaj tradukoj. Ni volonte akceptas mallongajn kaj bonajn tradukojn el la pola literaturo aŭ de la fremda, sed en la lasta kazo la tradukoj nepre devas esti faritaj de alinaciano.

---

## NOVA BULTENO

Sendependa revueto pri la Esperanto-movado.

Aperas provizore dumonate.

Enhavas: La Esperanto-Movado (novaĵoj) Recenzado de libroj. Ĉu vi legis? (interesaj elĉerpaĵoj el la Esperanta gazetaro). Literaturo, anoncetoj.

**Nova abonanto ricevas 2-linian anonceton senpage.**

Sendu vian anonctekston.

Jarabono internacia: 2 poŝtaj respondkuponoj.

**Amerika Esperanto-Instituto**

Rockford, Illinois, Usono.

★ ★ ★

## Ostatnia obniżka ceny!

Naukowe Koło Esperanckie obniżyło cenę na podręcznik szkolny p. t. „LEKCJE JĘZYKA ŚWIATOWEGO ESPERANTO“ w opracowaniu prof. SYGNARSKIEGO (wyd. II. aprobowane powtórnie przez Ministerstwo WR i OP) na 1·— zł. Wpłaty i zamówienia kierować należy pod adresem: N. K. E. Bydgoszcz, pl. Wolności 9 (konto P. K. O. Nr. 210.647) lub **administracji Pola Esperantisto (Kraków, ul. Lubicz 34) konto P. K. O. Nr. 406.660. Przesyłka 15 gr.**

★ ★ ★

Deziras korespondi pri diversaj temoj

**A. KULIĈENKO, SARATOV.**

Sovetskaja 3 ĉ. 16. USSR. Certe respondos.

## Uzu poŝtkartojn kun esper. teksto!

Poŝtkarto — Monumento de Zamenhof 0·30 zł
— Tombo de Zamenhof 0·25 „
Poŝtkartoj ilustr. de Kraków; serio 0·80 „
por poŝtelspezoj aldonu 0·10 „
Poŝtkartoj — Zamenhofa naskodomo en Białystok; lignogravuro de Cz. Sadowski 5 pecoj kun afranko 0·60 „

**Haveblaj ĉe „Pola Esper.“ Lubicz 34, Kraków. Konto PKO 406.660.**

★ ★ ★

## BONEGA PROPAGANDILO!

Brazilaj poŝtmarkoj kun esp. teksto de IX Intern. Specimena Foiro kaj IX Brazila Kongr. de Esperanto haveblaj ĉe admin. de „Pola Esperantisto“ po 20 gr por peco. Aldonu 25 gr por poŝtelspezoj. Ni akceptas ankaŭ neuzitajn poŝtmarkojn kiel pagon.

★ ★ ★

**NI TRE AFABLE PETAS NIAJN ABONANTOJN, ŜULDANTAJN ANKORAŬ LA ABONON POR J. 1937, PAGI LA ŜULDON JE NIA KONTO PKO Nr 406.660.**

★ ★ ★

## UWAGA!

Wszelkie wpłaty abonamentu miesięcznika „Pola Esperantisto“ uskuteczniać można na konto PKO. Nr 406 660 lub **przekazem rozrachunkowym, kartoteka Nr 29,** co zaoszczędzi wpłacającym koszty przesyłki.

---

ABONO: jare zł 8·—, duonjare zł 4·—. Por societoj kaj grupoj esperantistaj jare zł 6·—. Eksterlande 7 sv. fr Aparta numero zł 0·70, duobla zł 1·40.

ANONCOJ: 1/2 paĝo zł 30·—, 1/4 paĝo zł 15·—, 1/8 paĝo zł 10·—. Korespondado: anonceto de 10 vortoj (krom adreso) zł 1·—.

PRENUMERATA: rocznie zł 8·—, półrocznie zł 4·—. Dla Towarzystw i grup esperanckich rocznie zł 6·—. Zagranicą: 7 fr. szw. Numer pojedynczy zł 0·70, podwójny zł 1·40.

OGŁOSZENIA: 1/2 strony zł 30·—, 1/4 strony zł 15·—, 1/8 strony zł 10·—. Korespondencja: małe ogłoszenia z 10 słów (prócz adresu) zł 1·—.

Przekaz rozrachunkowy: kartoteka Nr 29, Kraków 2. — Konto P. K. O. Nr 406.660.

REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: KRAKÓW, LUBICZ 34.

Wykonano w Drukarni Miejsk. Muz. Przemysłowego w Krakowie. Redaktor odpowiedzialny: Dr Leon Rosenstock.